


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2009.4-5**



***Partoprenintoj de la 61-a IFEF-kongreso***

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# *Historia libreto okaze de la 100 jariĝo de IFEF*

Historia libreto estas sur bona vojo al realigo rilate la mondonacon. Ĝis nun IFEF ricevis la sumon de 1 447,70 € dank'al la malavareco de niaj subtenantoj.

Jen la mondonacintoj : (laŭ la kalendara mondonaco)

- Martin STUPPNIG
- Moritaka OSIAKA je la nomo de Japana Esperantista Ligo Fervojista
- Johann GEROLDINGER
- Martin STUPPNIG je la nomo de AFEF (gravan sumon)
- Gerry SCHAVEMAKER
- ... kaj diversaj aliaj

Ĉu ni sukcesos atingi la sumon bezonatan (5 000 €) ? Ni ne malesperu. Certe, ankoraŭ kelkaj monhelpantoj proponos siajn kontribuojn (sendon de monhelpo al nia kasisto kun mencio de la fonduso "historia libreto")

Dankon al tiuj oferemaj kolegoj.

**Frontpaĝe.**

***Sub hela ĉielo kaj varma suno, la partoprenintoj de la 61-a IFEF-kongreso paŭzas por fotado antaŭ la triesta kongresejo.***

Enhavo

# Sukcese okazis nia centa IFEF-datreveno en Triesto

Tiu jubileo gravas por nia federacio. Imagu, depost cent jaroj niaj kolegoj, ĉiujare, krom dum la militoj, strebas por ke nia lingvo eniru la fervojistaron.

Tiu renkontiĝo okazis en la ĉelandlima pordo malfermita al Okcidenta kaj Centra Eŭropo kaj Balkanoj kun historio riĉa je kulturaj, sociaj kaj politikaj eventoj de la 23-a ĝis la 29-a de majo 2009.

Nia asocio de fervojistoj, fondita en 1909 kaj aliĝinta al UEA en 1953, celas disvastigi kaj apliki Esperanton en la fervojaj administracioj kaj en la fervojistaj medioj kaj rondoj.

Por la 5-a fojo, la fervojistoj kongresis en Italio (Verona 1954, Rimini 1970, Roma 1978, Cervia 1993). Triesto akceptis la partoprenantojn en la ĉemara kongresejo. Dum unu semajno, multaj aranĝoj sinsekvis kaj la kongresanoj (204 el 19 landoj) ĝuis plezurigajn eventojn. Laŭvice, interesa programo disvolviĝis tiele :

***Sabaton la 23-an***

Kiel kutime la alvenintoj tuj salutis la konatulojn brakumante, kisante unu la aliajn.

Vespere, speciala aranĝo nomata "Interkona vespero" okazis laŭkutime. La ĉeestantoj plenŝtopis la disponigitan salonon. Ĝis malfrua vespero daŭris bonetosa renkonto eĉ se kelkuloj plendis pro la troa inklino al krokodilado.

***Dimanĉon la 24-an***

Matene, la solena malfermo okazis en la granda kongreso-salono "Saturnia".

La Vicprezidanto de LKK, Edvige Ackermann, per varmaj vortoj, salutis la kongresanojn. Gravaj eminentuloj esprimis sian honoron ĉeesti tiun kunsidon. Inter ili sinjoro Neuwirth reprezentanto de FISAIC

Post saluto de la reprezentantoj de la landaj kaj ceteraj esperantaj asocioj, venis tempo de la honorigo. D-ro Romano Bolognesi, ricevis premion de Honora prezidanto de IFEF kaj nia vicprezidanto István Gulyás la honordistingon de "Honora Membro" de IFEF. Poste, Romano Bolognesi transdonis Honordiplomon de IFEF al la Triesta Esperanto-Aocio kiel dankoj pro la bona organizado de tiu kongreso. Ricevis la diplomon Edvige Ackermann prezidanto de la grupo.

Sekvis grava surprizo okazinta fine de la malfermo de la kongreso. Grupo da 30 personoj, mezepoke vestitaj, kun fono de tiama muziko, paŝon post paso, alproksimiĝis al la podio. Dum 30 minutoj laŭritme, la



*Marica Brletić transdonas la diplomon al Romano Bolognesi*



*Inĝ Gulyás ricevas honorigon*

grupo evoluis por la ĝuo de la ĉeestantoj. Temis pri "Le Tredici Casade" rilatanta al antikva nobela triesta kunfrataro. En tiu tempo, 13 familioj konsideris sin kiel aŭtentikajn posteŭlojn de Romanianoj kaj nun deziras reaktivigi tiun kutimon. Ili invitis la partoprenantojn tosti per glaso da vino kaj panetoj de tiu regiono. Al tiu grupo nia IFEF-prezidanto transdonis IFEF-flagon.

Firmajn gratulojn al la iniciatintoj de tiu nekutima prezentado. Vidu! Ĉio glate disvolviĝis !

Fine, Romano Bolognesi deklaris la kongreson malfermita kaj sekvis komuna fotado. Posttagmeze, per videofilmo ni malkovris la urbon "Triesto" kaj sekvis diversaj prelegoj kaj fervojaj novaĵoj.

Vespere ni ĉeestis teatran vesperon kun alloga programo.

**Lundon la 25-an**

La tutan matenon funkciis en la kongreseja halo poŝta giĉeto, kie eblis ricevi porokazan stampon sur kartoj speciale preparitaj por la kongreso.

Gviditaj de ĉiĉerono, je la 9-a marŝemuloj vizitis la ŭrbon dum kiam laboris la IFEF-komitatoj ene de la nepublika komitato-kunsido. Ne timu, en tiu kunveno ne temas pri kaŝitaj celoj. Tute ne. Nur okazas kunveno permesanta al la komitatanoj libere diskuti, paroli, interŝanĝi siajn vidpunktojn por favorigi unuecan penson kaj harmoniigi la diversajn decidojn proponitajn. Sed, finfine, pri tiuj decidoj, oni voĉdonas dum la publika komitato-kunsido.

Sekvis prezentado de la venonta kongreso okazonta de la 8-a ĝis la 15-a de majo 2010 en Sofio (Bulgario).

Posttagmeze, la kongresanoj ariĝis por ĉeesti la publikan plenkunsidon.

Ĝi komenciĝis je la 15-a. La ĉeestantoj primemoris kaj honoris mortintojn de la lasta jaro.

La Komitato unuanime aprobis la raportojn de la sekretario, redaktoro kaj kasisto.

Same, la protokolo de la 60-a IFK (2008 en Poznano) estis unuanime aprobita. La ĉef-



komitatano en sia raporto plendis pro la manko da jarraportoj flanke de la landaj asocioj. Sekvis la resuma raporto de la vicprezidanto pri la jarraportoj de la landaj asocioj. Ĝi montris ĉagrenan situacion, ĉar la meznombra aĝo de la membraro altiĝas kaj ĉiam pli kaj pli mankas junuloj. Estas antaŭvidebla la ĉeso aŭ funkcia paŭzo de kelkaj landaj asocioj. Poste, temis pri la rilatoj al UEA kaj FISAIC.

La Komitato decidis pri la IFEF-kongresoj okazontaj en la venontaj jaroj. En 2010, IFK okazos en Sofio (Bulgario), por 2011 Ĉeĥio proponis sin.



*István Gulyás kaj Romano Bolognesi tostas kun la reprezentanto de FISAIC*

**Baloto pri Ĉefkomitato kaj vicĉefkomitatano.**

Jindřich Tomíšek kaj Rodica Todor estis reeleltikaj por plenumi tiujn postenojn.

Vespere, ni spektis virinvoĉan koruson kaj tradicikostuman grupon.

**Mardon la 26-an**

Antaŭtagmeze, dum pluraj fakuloj laboris en Fake Aplika Komisiono gvidata de Heinz Hoffmann, aliaj kongresanoj vizitis la Fervojan Muzeon en Triesto situantan en la iama fervoja stacio *Trieste - Campo Marzio.*

La prezidanto de la Muzeo, *Roberto Carollo,* bonvenigis la vizitantojn kaj montris al ili la strukturon de la muzeo komplete prizorgata de volontuloj. Estas notinde, ke historia kaj arkitektura valoroj datiĝas de la jaro 1906. Poste, oni, per ĉiĉeronado de sinjoro *Roberto Carollo* mem, trarigardis la riĉan internan ekspozicion, starigitan en la eksaj atendo-salonoj kaj apudaj ejoj, plurajn trakveturilojn kaj aliajn postrestaĵojn sur la trakoj ekstere de la stacidomo. Bedaŭrinde, pro eta kvanto da volontuloj, pluraj trakveturiloj kaj aliaj postrestaĵoj atendas la restaŭron. La Teknika komisiono de IFEF profitis la viziton por kunveni en la kunvensaloneto de la muzeo kaj

pritraktis sian agadon. Post bonvenigo kaj enkonduko fare de la TK-gvidanto Jan Uldal Niemann, la ĉefkomitatano Jindřích Tomíšek gvidis elektojn de la TK-funkciuloj laŭ la statuto. Li konstatis, ke ĉiuj ĝisnunaj funkciuloj tre bone laboris dum la tuta trijara funkcia periodo kaj, ĉiuj re-elekteblaj, estis unuanime reelektitaj :

A) Gvidanto de Teknika Komisiono (TK)
Jan U. Niemann (DK)

B) Sekretario de Fake Aplika Sekcio (FAS)
Ladislav Kovář (CZ)

C) Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)
Heinz Hoffmann (DE)

D) Redaktoro de Terminara Kuriero (Teku)
Heinz Hoffmann (DE).

Laŭ tagordo okazis raportoj de la gvidanto kaj de la antaŭaj sekretarioj pri la farita laboro. Oni pritraktis la okazintajn fakajn prelegojn kaj informis pri aliaj gravaj rezultoj de la agado kaj farita laboro.

Pluraj prelegantoj sinsekvis por prezenti prelegetojn diverstemajn inter kiuj ekz d-ro Zlatko HINŠT (HŽ) montris tabelojn pri financa negocado de kroataj fervojaj kompanioj kaj inĝ Rodica GIUHAT sciigis nin pri la diversaj trajno-koridiroj trairantaj la orientajn eŭropajn landojn.

Posttagmeze, trajne ni iris al la kastelo *Miramar'* . Sur roko de la triesta golfo, fascine elstaras la blanka kastelo, kiun, inter la jaroj 1856-1860 konstruigis la Arkiduko Ferdinand Maksimiliano de Habsburgo (1832-1867). Tiu reĝa hejmo iĝis taŭga kadro por la romantika historia aventuro de la princo kaj de lia edzino.

***Bankedo kaj balo***

Bankedo-partoprenantoj kuniĝis en restoracio *Bagno Ferroviaro* kaj sidis ĉe la feste aranĝitaj manĝotabloj. Al bona humoro kontribuis la kutima balo. Ĝis noktomezo, multaj dancemuloj dancante preskaŭ surmare kaj substele ĝojis pro tiu agrabla etoso en tiu pli freŝa mara aero kaj bela panoramo. En tiu romantika loko, juna kantisto plezurigis nin per italaj kanzonoj, kiuj vokis aplaŭdon. Apud ni, noktogardis nin la radianta lumturo de la haveno kaj funde de la golfo la lumigita kastelo de Miramar'.

***Merkedon la 27-an***

La partoprenantoj de la tuttaga ekskurso ekveturis per du aŭtobusoj kaj aldirektiĝis, unu al Cividale-Udine dum la alia al Aquilea-Grado. La vojaĝoj estis sukcesaj krom neatendita ŝtormo, kiu akompanis nin dum tagmanĝo. Belan trarigardon de la regiono ni ĝuis la tutan tagon.

***Jaŭdon la 28-an***

Matene Gianni Orsini konigis al ni la violonfaradan arton. Poste, Vito Tornillo prezentis art-pentritajn stacidomojn.

Sekvis Fake Aplika Komisiono kaj terminologiaj diskutoj kunordigantaj de Heinz Hoffmann.

Posttagmeze dua grupo da piedirantoj vizitis alian parton de tiu tre riĉa urbo.

Poste, dum du horoj, klasikmuzika koncerto ĝojigis la ĉeestantojn.

***Vendredon la 23-an***

Matene, aŭtobuso veturigis nin al la kastelo en Duino. Sur netrairebla rokangulo al la tempesta Adriatika Maro, staras du vid'al vidaj kasteloj : la unua preskaŭ tute ruiniĝanta, la dua bela kiel sepcentjara reĝejo, dronanta en parko densa je rozoj kaj begonioj. Ankoraŭ ni malsupreniris al fortikaĵo farita de la Germanoj dum la dua mondmilito. El tiu groto, kanonoj bombadis la apudajn "malamikajn" ŝipojn.

Posttameze D-ro Romano Bolognesi gvidis liberajn diskutojn sub la temo de "Movadaj aferoj". Eblis por ĉiu paroli pri diversaj sciigoj rilatantaj al la fervoja movado.

Sekvis la lasta evento de tiu kongreso: la Kongresa Fermo. Post laŭdoj al la Triesta Esperanto-Asocio, la flago de IFEF estis transdonita al la venontaj responsuloj t.e. la Bulgara skipo sub la prezidanteco de inĝ Veselka Kamburova.



*Venontaj responsuloj en Sofio*
*de maldekstre : Rena Georgieva, Enju Enev, inĝ Veselka Kamburova*

*Post tiu interesa semajno, la LKK-skipo tute meritas nian rekonon kaj niajn sincerajn dankojn*

*Tiu raporto estas kompilaĵo de pluraj surlokaj verkaĵoj kaj dokumentoj. Mi dankas la diversajn aŭtorojn.*

*La redaktoro*

***Kaj nun, ek al la venonta 62-a IFK okazonta de la 08-a ĝis la 15-a de majo 2010 en Sofio.***

***Pri tiu kongreso, informoj aperos en la venonta revuo***

# 61a IFEF-KONGRESO - Triesto (IT) - 23-29/05/2009

## *Salutvortoj de la Prezidanto dum la solena malfermo (24/05/2009)*

Estimataj Eminentaj Moŝtaj Gastoj! Bravaj kunorganizantoj! Karaj Kongresanoj! Samideanoj kaj Kolegoj!

Ĝoje mi bonvenigas vin en la IFEF-Kongreso de la jaro 2009, jubilea jaro pro la 100-a datreveno de oficiale organizita internacia agado inter fervojistoj, naskiĝinta en 1909 dum la UEA-Kongreso en Barcelono.

La kvinan fojon IFEA organizas IFEF-Kongreson en Italio. Rememorante pri Verona 1954, Rimini 1970, Roma 1978 kaj Cervia 1993, reaperas la nomojn kaj la figurojn de iuj niaj elstaraj samideanoj, kiel Gino Corso, Germano kaj Delvina Gimelli, Pasquale Ceci, Alberto Menabene, Enrico Molesini kaj multaj aliaj, krom la nunaj LKK-anoj.

Ĉi foje estas la vico de Triesto, ĉarnira, multetnia, do jam en si mem internacia, ĉarma urbo, brakumata de la karstaj montetoj kaj kisata de la Adriatika Maro, kiujn ĝoje ni povas admiri eĉ de ĉi tie, en tre taŭga loko por kunveno kiel la nia, kiu havas tre interesan kaj buntan programon.

Jam estas for la tempoj kiam ĉi tie apude estis peza landlimo inter du mondoj, dum nun, feliĉe, la najbaraj teritorioj apartenas al la sama supera instanco nomata "Eŭropa Ŭnio", en kiu la homoj, kvankam entute ne simile regataj, povas facile moviĝi kaj interrilati.

Por la organizado de la nuna kongreso ni IFEA-anoj petis kaj ricevis ne malhaveblan helpon de la Triesta Esperanto-Asocio (TEA), gvidata de ĝia Prezidantino, nia kara amikino Edvige Tantin Ackermann, al kiu, kun ĉiuj kunlaboratoj, mianome kaj flanke de IFEF mi kore gratulas kaj dankas.

La fruktodonaj kunlaboroj ĉiam estas bonvenaj, sed, bedaŭrinde por ni fervojistoj, tio montras, ke la forto de nia movado estas alterne malpli aŭ pli forta, kaj evidente nuntempe iom febla.

Nature, nia centjara faka historio ĉiam vidis strebojn disvastigi, ricevi rekonojn, atingi profesiajn rezultojn, kun pli aŭ malpi da sukceso.

Do, ne miru, aŭdi vortojn esprimantajn kontenton kaj malgajon, same kiel estis alterna tiu ĉi nia longa pasinto, en kiu estis periodoj tre malfacilaj, pro militoj, teroraj reĝimoj, dum kiuj oni devis agadi kaŝe por savi la malpermesitajn materialojn kaj eĉ la vivojn.

Feliĉe, post la fino la dua monda milito venis jaroj pli prosperaj kaj esperplenaj. Tiam ankaŭ la fervojistoj perceptis kaj profitis favoran momenton kaj sin lanĉis por superi la malnovajn kaj novajn ŝtatajn malamikecojn per la uzado de komuna internacia lingvo.

Tiam, la homoj multe bezonis kontaktojn, personajn, familiajn kaj

profesiajn, kaj tio permesis internacian reorganizadon. La fervojistoj bone sukcesis je ĉiuj niveloj, aranĝante jaran kongreson, progresante en la faka agado, seninterompe, dum 60 jaroj.

IFEF travivis ekspansiajn jarojn kaj malajn, kiel ĉi tiuj lastaj, en kiuj la disvastigantaj privatigoj, senreguligoj, entreprenaj transformoj, perdo da fervojistaj postenoj, etnombraj dungoj de junaj laboristoj, kiuj ofte pro malcertaj kontraktoj peze sentas la riskon pri sia laborestonto, rimarkinde malfavoras ankaŭ nian varbadon kaj agadon.

Bedaŭrinde, oni devas konstati, ke en la lastaj jaroj ankaŭ la kulturaj organizoj de nia kategorio, niaj socialaj servoj, same kiel tiuj de aliaj profesiuloj, pli malpli forlasas la idealajn kaj praktikajn celojn, kiuj estis la bazoj de siaj fondoj mem. Ĉiam pli ofte kaj rimarkinde, la homoj estas instigataj agi izole, individue kaj, konsekvence, senforte.

Lastatempe aldoniĝis ankaŭ la tiel dirita ekonomia monda krizo, kiu reale limigas la monrimedojn kaj ĉiajn emojn de la homoj.

Spite al ĉio, ni tute ne perdas la esperon al plio kaj al pluo pri nia afero. Nia mirinde bona idealo daŭre restas aktuala, dum, anstataŭe jam pasis, espereble por ĉiam, totalismaj ideologioj. Feliĉe jam malaperis reĝimoj, kiuj devus daŭri mil jarojn.

Jes, Esperanto pretervivis, plu vivas kaj plu vivos.

Tiu konstato devas doni plenan konvinkon, ke la esperantista vivkoncepto ĉiam restas avangarda en mondo ankoraŭ tro batalanta, inkluzivante en tio ankaŭ kio kaj kiuj celas al lingva monda superregado.

Ĉi rilate, foje mi opinias, ke la daŭra kaj eĉ plua uzado de la lastmoda imperia lingvo, eĉ de la tre proponata multlingvismo, estas pli malpli kiel ia monda polucio, kiun la homoj povus malaltigi per la uzo de Esperanto, kiu eble estas ankoraŭ tro avangarda, kaj kiun eble ni esperantistoj ne tiel bone kaj forte kapablas aŭ kuraĝas subteni.

Triesto … 100 jarojn … en la ne facilaj nuntempaj kondiĉoj ni italoj klopodis organizi la kongresan semajnon kiel eble plej bone. Verdire, eble la nombro de la partoprenantoj restis iom sub la atendoj, sed ni certas, ke ĝuste tiuj, kiuj ne venis devos bedaŭri.

Tiu ĉi impona mirinda kongresejo, la teatro kaj la aliaj salonoj ĉe la sidejo de la TEA, la ĝenerala afabla akceptado kaj gastigado certe kontentigos ĉiajn atendojn.

Dum la venontaj tagoj eblos vizitadi multajn historiajn, fakajn, kulturajn kaj naturajn trezorojn.

Ni ĝue vivu la diversajn eventojn kaj la pejzaĝojn dum la ekskursoj, same kiel bonvene iuj inter vi eble jam faris kaj faros en aliaj landopartoj.

Por ni fervojistoj esperantistoj kongresi signifas ĉefe kunlabori por niaj komunaj celoj, kunmeti energion kaj pasion por antaŭenigi la Internacian Lingvon kaj nian Federacion.

Niaj plej gravaj kongreseroj estas la kunsidoj de la Komitato kaj de la Komisiono, krom la fakaj aranĝoj, kapablaj montri niajn progresojn, taksi nian adaptiĝojn kaj kontribuojn al la rapide evoluanta fervoja tekniko.

Dum tiu disvolviĝo, same kiel dum la kulturaj, artaj, distraj programeroj, montriĝas la ĉefaj elementoj de nia tipa internacia vivmaniero, kiuj venas el la diversaj buntaj personecoj de la partoprenantoj.

Pro tio ni plu aranĝu kongresojn kaj utiligu ilin kiel forumojn malfermitajn al ĉiuj, por libere esprimi niajn ideojn kaj interŝanĝi demokratajn opiniojn je internacia nivelo, bone sciante, ke tio plene povas efektiviĝi nur per bona uzado de nia komuna lingvo.

Ni fervojistoj esperantistoj jam longe spertiĝis kaj brile pruvis tion, dum la pasintaj 100 jaroj de nia internacia agado kaj ĉefe dum la 60 antaŭaj kongresoj, danke al la genia inventaĵo de d-ro Zamenhof, entute kapabla kunligi homojn diverslandajn kaj diverskulturajn.

Li liveris al ni ĉiuj la taskon daŭrigi pluporti la "torĉon" de bona ideo, de alta idealo, transdonante ĝin de mano en manon, de lando en landon.

En ĉi-tiu spirito, ni sekvis niajn pionirojn, kiuj agadis dum la antaŭaj 100 jaroj.

En ĉi-tiu spirito ni vivu la kongresan semajnon, donante kaj ricevante la maksimuman kunlaboron, profitante por kreski lingve, profesie kaj home. Ni estu malfermitaj al aliaj vidpunktoj kaj ideoj, tolereme kaj danke.

En ĉi-tiu spirito mi deziras ke en Triesto ĉio estu kiel eble plej morale kaj materiale plensukcesa kaj ke ĉiuj partoprenantoj realigu siajn dezirojn.

Per ĉi-tiuj vortoj, mi deklaras la 61-an Kongreson de la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio malfermita.

*Romano BOLOGNESI*
*IFEF-Prezidanto*

**Grava atento por la ne abonantoj** ;

"Karaj Legantoj!

La preskosto kaj la sendokosto de nia faka revuo Internacia Fervojisto grave altiĝas. Pro tio ni povos sendi ĝin ekde la sekvonta numero al vi nur perrete (elektronike).

Se, en la estonto, vi deziras perrete ricevi nian fakrevuon, bonvolu sendi vian retadreson al la redaktoro de IF :
Jean Ripoche : <jeanripoche@wanadoo.fr>.
La redakcio"

# Romano Bolognesi (biografia listo)

Naskiĝo en Bologna la 22-an de marto 1941.
Dungo ĉe FS (Ferrovie dello Stato - Italaj Ŝtataj Fervojoj) en Bologna, 1962.
Diplomo de abituriento pri librotenado ĉe Instituto "Pier Crescenzi" de Bologna, 1967.
Doktoro pri sociologio (lingvistika fako) ĉe Universitato de Trento, 1976.
Honoragita kiel "Kavaliro je merito de la Itala Respubliko", 1987.
Emerito de FS, kiel estro de administra unuo pri personalo, 1990.
Esperantisto ekde 1957 en Bologna.
Partopreno en diversaj UEA, FEI, SAT, Alp-Adriaj, FFEA kaj aliaj kongresoj.
Prezidanto de la Bologna Esperanto-Grupo, 1978-79.
Nacia Konsilanto de IEF (Itala Esperanto-Fedracio), 1981-85.
UEA-delegito kaj FD (fervojoj, sociologio, interlingvistiko) en Bologna, de 1983.
Magistriĝo pri Esperanto en 1986.
Direktoro/docento de la Bologna Katedro de IIE, de 1987.
Docento pri Esperanto en multnombraj kursoj plurnivelaj.
Prezidanto, resp. membre en plurnivelaj ekzamenkomisionoj pri Esperanto.
Kasisto de la IIE (Itala Instituto de Esperanto), de 1996.
Docento pri interlingvistiko, numerologio, kronologio ĉe Liberaj Universitatoj (Bologna, Lugo, Fidenza, Pistoia).
Partopreno en la IFEF-Kongresoj sen interrompe de 1978 (Romo) ĝis nun.
Komitatano, resp. observante por IFEA, 1978-1989.
Ĝenerala Sekretario de IFEF (Internacia Fervojista Esperanto-Federacio), 1989-1997.
Ĝenerala Prezidanto de IFEF, de 1997.
Prezidanto de la 45-a IFEF-Kongreso en Cervia, 1993 kaj de la 61 -a en Triesto, 2009.
Prezidanto de la Teknika Komisiono (IFEF) de FISAIC (Internacia Federacio pri Kulturo inter Fervojistoj), de 1997.
Redaktoro, resp. kunredaktoro de la IFIB (Itala Fervojisto - Informa Bulteno), de 1983.
Nacia sekretario de la Itala Fervojista Esperanto- Asocio (IFEA), de 1984.
VicPr. de la Kultura Rondo de DLF (kultura organizo inter fervojistoj) en Bologna, de 1992.
Responsulo de la Fervojista Esperanto-Grupo de DLF Bologna, de 1984.
Li okupiĝas ĉefe pri Esperanto, interlingvistiko, sociologio, instruado, vojaĝado.
Organizanto/preleganto, itale kaj Esperante, pri interlingvistiko, esperantistiko, numerologio, kronologio kaj similaĵoj ĉe publikaj kaj privataj organizoj, kiel asocioj, kluboj, universitatoj, lernejoj kaj bibliotekoj, dum kulturaj aranĝoj, kongresoj, konferencoj, seminarioj kaj kursoj, en Italio, Francio (staĝoj en Gresillon, Plouezec, Bretonio), Germanio, Ĉeĥio, Hungario, Rumanio, Ĉinio, ktp.
Verkoj, memeldonitaj: "Uzo-pretaj korespondaj frazoj" (1988), "Vojaĝo tra la lingvoj (1998), "
Enkonduko al kono de Esperanto" '(1999, 2008), Itala versio de "Esperanto ; Zamenhof kaj la lingvo internacia bildstrie", "Vivo kaj morto de monunuo ; de Liro al Euro" (2001), "Tralingve perdemande (2004)", "Nomlistoj el la historiaj IFEF-broŝuroj" (2004),
"Esencaj elementoj de Esperanto (2007)",
"La meridiana linio en la Baziliko de Sankta Petronjo « 2008), nenombreblaj artikoloj, tradukoj pri/por-esperanto, itale kaj internacilingve.



# Biografio de István Gulyás

István Gulyás naskiĝis la 30-an de aŭgusto 1934. en urbo Pécs

Post la abiturienta ekzameno li studis kaj diplomiĝis plurajn fakojn de universitatoj en Budapeŝto, nome li diplomiĝis pri teknika fako en 1957; poste pri ekonomio en 1964; fine li akiris fak-inĝenieran diplomon en 1972 (hidrologia kaj publikserva provizo); do li estas plurfaka fervoja inĝeniero. Dum lia aktiva deĵoro, li laboris ĉe Trakserva fako de MÁV, li estis estro de la Teknika Ĉefsekcio de la Generaldirekcio ĉe MÁV; fine direktoro de la Planinstituto de MÁV. En la jaro 1992 li emeritiĝis.

Li esperantiĝis en 1958 kaj fariĝis IFEF-membro en 1962. Post la alproprigo de la Internacia Lingvo dum multaj jaroj li organizis kaj gvidis lingvokursojn en diversaj fervojaj institutoj kaj deĵorlokoj; kaj li akiris gravajn rezultojn, ekzemple ĉe Kuracinstituto de Pulmomalsanuloj de MÁV en Budakeszi, en la Hospitalo de MÁV en Budapeŝto, en la Hospitalo de MÁV en Pécel – estas menciinde, krom la personaro ankaŭ la ĉefstabo de tiuj institutoj finis la kurson kaj faris lingvan ekzamenon. Krome, li gvidis lingvo-kursojn en stacidomoj Keleti kaj Nyugati.

Li estas UEA-membro de 1973. Li estis la prezidanto de la Centra Fervojista Fakgrupo en Budapeŝto de 1974, membro de la Terminara Komisio de IFEF de 1974, Komitatano de HEA (Hungaria Esperanto Asocio) ekde 1976, IFEF-Komitatano ekde 1977, membro de la Fakprelega Komisiono de IFEF ekde 1977, "Komitatano A" por IFEF ĉe UEA ekde 1980, vicprezidanto de la Fervojista Fako de Hungara Esperanto-Asocio inter la jaroj 1980 kaj 1985 ; poste, li estis kaj estas ĝia prezidanto. Estas rimarkinde, ke post 1996 tiu organizaĵo transformiĝis je laŭjura asocio sub la nomo Hungara Fervojista Esperanto-Asocio. Li estas fakdelegito de UEA ekde 1986. Dum multaj jaroj li oficiale reprezentis la Terminaran Komisionon de IFEF ĉe UIC en Parizo. Per la interveno de li – helpe de la Hungaraj Ŝtatfervojoj – pretigis, redaktis kaj presigis belaspektajn kaj binditajn dulingvajn naciajn vortarojn pri ĉiu nacia lingvo (Esperanto kaj 13 naciaj lingvoj kaj inverse), kiuj aperis en la dua eldono de CD-ROM de UIC. Tiu rezulto montras la forton de la fervojista Esperanto-Movado kaj la uzadon de Esperanto kiel faklingvo; – al tiu rezulto multe li kontribuis.

Li estas Vicprezidanto de IFEF ekde 1988.

Li akcelis ekde 2003 relative favore presigi la bultenon de IFEF: Internacia Fervojisto.

Li partoprenis ĉiujn IFEF-Kongresojn ekde 1978 kaj ĉiujn Universalajn Kongresojn ekde 1980, eĉ ĉiujn estrarkunsidojn de IFEF ekde 1988.

Li faris plurajn gravajn fakprelegojn dum IFEF- kaj UEA-kongresoj. Ekde tiam, li estas komitatano A de UEA ; en kadro de la kongresa programo li regule aranĝas fervojfakan tagon, krom kunsido eĉ fakajn prelegojn, foje-foje fakajn vizitojn ĉe iu deĵorejo de la kongresa urbo/lando.

Li estis kunlaboranto de LKK de la 14-a IFEF-kongreso en Budapeŝto en la jaro 1962; LKK-prezidanto de la 34-a IFEF-Kongreso de 1982 en Balatonfüred ; tiu de la 47-a IFK de 1995 en Pécs; same tiu de la 52-a IFK de 2000 en Budapeŝto; fine tiu de la 56-a IFK de 2004 en Sopron.

Li estas membro de la Ŝtata Lingvoekzamena Komisiono pri fervojaj temoj de 1981.

Li faris superan Ŝtatan lingvo-ekzamenon kompletigitan per fervoja

# Raporto de la ĉefkomitatano



Mi partoprenis la Aŭtunan kunvenon de la IFEF-estraro inter la 30-a de oktobro kaj la 2-a de novembro 2008 en Bologna, Italio, kie estis pritraktitaj la kutimaj tagordopunktoj, kiel preparlaboroj por la 61a IFK en Triesto, enhavo de la sekvanta Cirkulero kj Demandilo por Jarraportoj 2008, organizaj, financaj kaj redakciaj aferoj, agadplano, kolektado de materialo por Historia Libro (IFEF 100 jaroj), situacio en iuj landoj, eksteraj rilatoj de IFEF kaj aliaj.

Mi preparis kaj sendis la Cirkuleron, en kiu mi informis kaj atentigis pri gravaj taskoj kaj alvokis ellabori Jarraporton 2008 laŭ aldonita Demandilo kaj petis sendi la kopion rete ankaŭ al la estraranoj por informi. Entute venis jarraportoj el 17 landoj, malgraŭ petoj ne venis tiuj el Serbio kaj Slovakio.

Por la Printempa estrarkunveno, okazinta en Bretonio, Francio, mi sendis skriban raporton kaj laŭ ricevita Protokolo mi plenumis miajn taskojn.

Mi klopodis daŭrigi kontaktojn kun individuaj membroj kaj trovi kontaktojn en landoj, kie IFEF nuntempe ne havas funkciantan landan asocion. Mi kunlaboris, sendante raportojn kaj informojn al la diversaj E-gazetoj kaj al la redakcioj de la radiaj E-elsendoj. La plej bona kunlaboro tiucela estas kun *Ĉina Radio Internacia,* kiu plurfoje raportis pri niaj agado kaj aranĝoj.

Nesukcesaj ĝis nun estas klopodoj cele renovigi agadon de landaj asocioj en iuj landoj kiel Svisio, Nederlando, Svedio kaj Finnlando, kaj trovi kunlaborantajn kontaktulojn en iuj aliaj landoj kiel Britio, Baltaj ŝtatoj kaj iuj aliaj landoj. Lastatempe tamen pliboniĝis kontaktoj kun Serbio, kie espereble baldaŭ renoviĝos agado de landa asocio.

Mi pardonpetas ĉiujn pro iuj faritaj mankoj dum la pasinta funkcia periodo.

Mi kore dankas la estraranojn, anstataŭantinon de ĉk, sinjorinon Rodica Todor, la komitatanojn kaj ĉiujn aliajn, kiuj kunlaboras kaj helpas min por plenumi miajn taskojn.

Kun ĝojo kaj danko mi akceptas kaj akceptos ĉiun proponon, konsilon aŭ sugeston por plibonigi la agadon por la prospero de nia Federacio!

*Triesto, la 25an de majo 2008.*
*Jindřich Tomíšek, ĉk*

---

fako en 1982.

Li regule verkis/as gravajn fak-artikolojn por esperanto-gazetoj.

Li estas responda eldonisto de la revuo „Hungara Fervojista Mondo" de 1984, kaj responda redaktoro ekde 1993.

Li ricevis la sekvajn distingojn:

1. "PRO ESPERANTO" de HEA (kolektive [en 1983] al Loka Kongresa Komitato de la 34-a kongreso de IFEF en Balatonfüred 1982, ja li estis la LKK-prezidanto).
2. "PRO SINDIKA AGADO, ora grado" (1987; okaze de la centjara jubileo de Esperanto).
3. "PRO ESPERANTO" de HEA (persone) en 1996.
4. La Teknika Universitato de Budapeŝto honoris lin per "Ordiplomita inĝeniero" en 2007.
5. Multaj aliaj ŝtataj kaj fervojaj distingoj.

*Budapeŝto, 23. 04. 2009.*

# Resuma jarraporto de la landaj asocioj de IFEF pri la jaro 2008

La landaj asocioj de IFEF, surbaze de la dissendita demandilo, preparis siajn jarraportojn pri la jaro 2008. La resuma jarraporto ne estas kompleta, ĉar ne alvenis raporto el Norvegio, Serbio kaj Slovakio. Inter ili Serbio kaj Slovakio jam de pluraj jaroj ne sendis jarraporton. Norvegio en la antaŭaj jaroj sendis jarraportojn, kaj laŭ tiuj mi kalkulas en la nuna resuma jarraporto.

En la jarfino de 2008 ekzistis 19 landaj asocioj de IFEF, jene: Aŭstrio, Belgio, Bulgario, Ĉeĥio, Ĉinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, Italio, Japanio, Kroatio, Norvegio, Pollando, Rumanio, Serbio, Slovakio, Slovenio. Inter la landaj asocioj Serbio kaj Slovakio preskaŭ ne funkcias, malgraŭ tio, ke Slovakio por dek membroj pagis jarkotizon al IFEF en 2008.

**1./ La landaj asocioj**

La landaj asocioj raportas pri 1910 asociaj membroj. Tio signifas 65 malpli ol en la antaŭa jaro. Mi ankoraŭ kalkulas 15 serbajn kaj 10 slovakajn fervojistajn esperantistojn, de la antaŭpasintaj jarraportoj. Se ni ekzamenas la tendencon, ni povas konstati, ke la lastajn kvin jarojn grave malkreskis la nombro. Laŭ mia opinio jen la kaŭzo de la kontinua malkresko : grave maljuniĝas la fervojista Esperanto-movado, malboniĝas la ekonomia situacio, ĉefe nun pro la financa krizo en la tuta mondo, kontinue ŝanĝiĝas la fervojaj organizoj, pro tio malkreskas la nombro da fervojistoj, disvastiĝas la angla lingvo sur ĉiu tereno de la vivo, kaj mankas gejunuloj inter la esperantistoj.

Laŭ la raportoj, IFEF nombras - kune kun la individuaj membroj - 630 membrojn : 54 malpli ol en la antaŭa jaro. Mi denove atentigas vin, ke en la fino de la naŭdekaj jaroj IFEF havis pli ol 1200 membrojn, kaj en la jaro 2000 nur 1067, en 2002: 907, en 2004: 793 kaj en la fino de la jaro 2008 nur 630 membrojn.

La raportoj indikas el la plena asocia membro pli ol 70%-ojn da emeritoj, kaj en multaj landoj tiu indiko atingas eĉ superas la 90%-ojn, kiel ekzemple en Aŭstrio, Germanio, Italio, Hispanio, Norvegio.

Ankaŭ la nombro de la memstaraj grupoj malkreskas. En 2007 estis 73 grupoj, kaj en la jaro 2008 restis nur 60.

***2./*Taskoj de landaj asocioj**

Dek landaj asocioj agadis laŭ la akceptita laborplano.

Bedaŭrinde nur 11 landaj asocioj kolektis indikojn pri la historio de la landa fervojista Esperanto-movado, do nur ili konservis historiajn heredaĵojn. Ok landoj ne sendis indikojn kaj materialojn al nia prezidanto por pretigi centjaran historion de la fervojista Esperanto-movado, pro tio la plena historia materialo ankoraŭ ne estas preta.

**3./ Interrilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj**

Dekunu landaj asocioj raportas pri bonaj interrilatoj kun la fervojoj. El ili sep asocioj ricevis aŭ financan subtenon, aŭ senpagan bileton por oficiale vojaĝi al kongresoj kaj ceteraj Esperanto-eventoj, eĉ kelkaj landaj asocioj senpage ricevis specialan ejon por kunveni.

Nur kvin landaj asocioj kontaktas kun sindikatoj, kaj neniu ricevis apogon. Dekdu landaj asocioj havas rilaton kun la landa FISAIC-sekcio. Hispanio kaj Slovenio ne havas kontakton kun la landa organizo de FISAIC, eĉ en Ĉinio kaj Japanio ne ekzistas landa FISAIC-organizo. La ĉinaj Fervojistoj klopodas interrilati kun FISAIC, kaj mi esperas, ke finfine sukcesos tio. Ok landaj asocioj ricevis financan subvencion aŭ alian helpon de la landa FISAIC-sekcio. Kvar landaj asocioj havas oficon en la FISAIC organizoj.

Laŭ la jarraportoj, bedaŭrinde la landaj asocioj en Ĉinio, Hispanio, Japanio kaj Slovenio ricevis neniun apogon nek de fervojo, nek de sindikatoj eĉ nek de landa asocio de FISAIC.

Dek landaj asocioj havis kontaktojn kun libertempaj, kulturflegantaj, artaj, sportaj kaj religiaj organizoj.

En kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj ludas gvidan rolon en tiuj organizoj.

**4./ Organizado de jarkunvenoj kaj aliaj renkontiĝoj**

Nur en Belgio kaj Japanio ne okazis jarkunveno en la jaro 2008, eĉ en Ĉeĥio kaj Hungario oni aranĝis tion dufoje. Entute 430 partoprenantoj ĉeestis dum la jarkunvenoj. Nur kvin landaj asocioj raportas pri eksterlandaj gastoj, t.e. 21 personoj. Preskaŭ en ĉiuj jarkunvenoj okazis fakprelegoj ; krome, dek landoj samtempe organizis ankaŭ distrajn kaj ekskursajn programojn.

En la jaro 2009 nur en Aŭstrio, Danio kaj Slovenio ne okazos jarkunveno.

En sep landoj, oni aranĝis memstaran fervojistan aŭ komunan internacian Esperanto-renkontiĝon.

**5./ Interrilatoj kun Esperanto-organizoj**

Laŭ la raportoj preskaŭ ĉiuj landaj asocioj havis interrilatojn kun sia landa asocio de UEA, eĉ en kelkaj landoj la fervojistaj esperantistoj agadis kiel estraranoj de tiu asocio.

Entute nur en tri landoj ekzistas SAT organizaĵo, kun kiuj la fervojistaj esperantistoj interrilatis.

Dekkvin landaj asocioj havis bonan interrilaton kun aliaj Esperanto-organizaĵoj. Aŭstrio raportas pri bona kontakto kun la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, kaj kun la organizo Aŭstria Esperanto-Junularo; Belgio kun multaj, eĉ pli ol dek Esperanto-organizaĵoj ; Ĉeĥio kun IKUE, KELI kaj la handikapuloj ; Ĉinio kun Scienceteknika Asocio, ILEI kaj la Ĉina Junulara Esperanto-Asocio; Danio kun la "Sunda Agado" ; Francio kun la Esperanto Instituto ; Germanio kun lokaj grupoj; Hispanio kun multaj katalunaj Esperanto-asocioj, kaj la Barcelona Esperanto-Centro; Hungario kun medicinistoj kaj pacmovadistoj; Italio kun ILEI, ERA kaj la Ligo de Esperanto-Instruistoj; Kroatio kun aliaj kroataj Esperanto-organizaĵoj; Norvegio kun Esperanto-tour ; Pollando kun organizo "ESENCO" kaj ILEI; Rumanio kun UMEA, TEJO, ILEI kaj aliaj landaj Esperanto-Asocioj; Slovenio kun Pasporta-Servo de TEJO.

En Hispanio, Kroatio kaj Pollando ne ekzistas fakdelegito ĉe UEA. Entute 47 fakdelegitoj helpis la agadon de UEA flanke de la fervojistoj.

**6./ Informado en la plej vasta senco**

Dekdu landaj asocioj informis en propra medio la publikon pri Esperanto-eventoj, movadaj aktualaĵoj pere de fervojistaj gazetoj kaj aliaj fakaj kaj publikaj regionaj ĵurnaloj. Multaj landoj funkciigis murgazetojn en siaj stacidomoj kaj aliaj konstruaĵoj.

Nur en Francio kaj Germanio aranĝis ekspoziciojn la fervojistaj esperantistoj, kiujn plurcentoj vizitis. Iliaj temoj koncernis la historion kaj vivon de la landa fervojista Esperanto-movado, la rezultojn de la instruada, terminara kaj faka laboro.

Naŭ landaj asocioj raportas pri faritaj fakprelegoj kaj fakartikoloj. En Ĉeĥio dum du konferencoj okazis kelkaj valoraj fakprelegoj. La Ĉinoj faris prelegojn pri fervojaj aferoj en la Ĉina Esperanto-kongreso, kaj aliaj Esperanto-renkontiĝoj, la Danoj, Hungaroj, Kroatoj dum la klubkunvenoj, la Germanoj dum la BSW-estrarkunsidoj kaj en la klubejoj, la Italoj kaj Hungaroj kadre de la Franca Fervojista E-kongreso kaj de aliaj E-renkontiĝoj. La Poloj dum la 60-a IFEF-kongreso faris fak-

prelegojn pri IFEF kaj pri fervojfakaj aferoj.

**7./ Instruado**

Estas ĝojplena evento, ke preskaŭ ĉiuj landaj asocioj raportas pri la aranĝoj de Esperanto-kursoj, sed la nombro de la kursoj montras malpliigon kompare kun la antaûa jaro. Laû la raportoj okazis entute 36 lingvokursoj kun pli ol 600 kursanoj. La plej granda nombro de la kursanoj troviĝas en Ĉinio, Francio, Hungario kaj Rumanio.

La lingvokursoj estis memstaraj en dek landoj, kaj ses landoj aranĝis tion komune kun la landa Esperanto-asocio kaj kun aliaj Esperanto-organizoj.

**8./ Junulara agado**

Ok landaj asocioj raportas pri entute 67 junaj membroj (ĝis 30 jaraĝo) el la tutaj asociaj membroj. Kompare kun la jaro 2005, kiam ankoraŭ la juna membro-nombro estis 218, kaj en la jaro 2006, nur 144, ni ricevas malgajan rezulton : en Ĉinio 22 (en 2005: 150, en 2006:76), en Hungario 35 (2005 : 55, 2006 : 50), kaj en Italio 1, en Kroatio 1, en Rumanio 5, en Slovenio 3 gejunuloj.

Memstara junulgrupo ne ekzistas.

Multaj raportoj enhavas plendon pro la manko da gejunuloj. Estas skribite, ke akiri novajn membrojn el la junularo estas « senespera afero ". Vane ni aranĝas pli allogajn programojn, kongresojn, klubkunvenojn, kaj ni popularigas Esperanton pere de organoj, afiŝoj, murgazetoj kaj aliaj medioj, la gejunuloj ne venas inter ni, kaj ne interesiĝas pri Esperanto. Do mi devas konstati, ke la fervojista Esperanto-movado rapide maljuniĝas, kaj sen nova generacio ni ne havos estonton. Tio estas la plej granda problemo en la kadro de nia movado.

***9.1* Landaj organoj**

Dekdu landaj asocioj eldonis propran organon. En Bulgario, Cinio, Danio, Francio, Germanio, Hispanio, Hungario, kaj Pollando kvarfoje, en Aŭstrio trifoje, en Italio dufoje kaj en Rumanio unufoje aperis la landa organo en la jaro 2008. La japanoj eldonis kvar informilojn pri la enhavo de Internacia Fervojisto. La nombro de la jara paĝo estis 644, laŭlande ĝi varias inter 12 kaj 80. Bulgario, Danio, Hungario kaj Rumanio eldonis ĝin nur en Esperanto.

Dektri landaj asocioj havis spacon en aliaj organoj.

**10./ Faka agado**

Naŭ landaj asocioj raportas pri la agado en la terminara laboro. La aktiveco ne malkreskis, eĉ pli ol mil terminŝanĝoj aperis surbaze de la tradukitaj difinoj. La kunlaboro kun kelkaj landaj asocioj kaj kun UIC

estis rezultohava. Ĉefe la Germanoj laboris aktive sur tiu tereno.

Naŭ jarraportoj mencias pri faka aktiveco, pri verkado kaj traduko de fakaj tekstoj kaj materialoj.

**11./Ekonomio**

Laŭ la jarraportoj la ekonomia situacio ĝenerale similas al la antaŭaj jaroj. En kelkaj landoj nur la subvencioj, la enpagitaj jarkotizoj kaj la reduktoj de la elspezoj povis ekvilibrigi la financan staton. En Aŭstrio, Ĉeĥio, Danio, Francio, Germanio, Hungario, Pollando kaj Slovenio la ekonomia situacio kaj la financa stato estis sufiĉe bona kaj kontentiga.

Aliaj landaj asocioj plendas, pro la altigo de la afrankoj ; la nombro de la membroj pagantaj kotizon malpliiĝis, la kosto de la uzado de la fervojaj ejoj altiĝis.

12./ **Fina komentario**

La landaj asocioj - kiel ĉiujare - plendas pro la ĝenerala situacio de la fervojista Esperanto-movado. La plej gravaj problemoj estas la senrezulta klopodo por varbi novajn membrojn, la maljuniĝo de la membraro de la asocioj, kaj la manko da gejunuloj. Pro tio, neniu volas transpreni la gvidan taskon en la asocioj. Legante la jarraportojn ĉagrene mi konstatas, ke en kelkaj landoj la fervojista Esperanto-movado preskaŭ ĉesas. En Belgio, Norvegio, Serbio, Slovakio estas la plej malbonaj situacioj.

Ankaŭ estas grava problemo, ke kontinue malkreskas la membro-nombro de la fervojistaj esperantistoj, kaj la membro-nombro de IFEF. Preskaŭ ĉiuj jarraportoj mencias, ke la tendenco estas preferi la anglan lingvon. Pro tio ni devas plibonigi la laborojn de IFEF kaj de la landaj asocioj.

Legante la jarraportojn, parolante kun enlandaj kaj eksterlandaj esperantistoj, partoprenante en Esperanto-kongresoj, konferencoj, renkontiĝoj, mi opinias, ke apud la multaj malfacilaĵoj, ni havas esperigajn eblecojn kaj planojn. En la nuna jaro la fervojista Esperanto-movado festas la centjariĝon. Mi esperas, ke tiu datreveno kunportos la prosperon kaj disvolviĝon de la movado. Kiel la Germana Esperanta Fervojista Asocio skribis en sia jarraporto : "Ni ne malesperu !!!", aŭ kiel la Japana Esperantista Ligo Fervojista : « ...tamen progresas la kvalito de la movado", ankaŭ mi diras, ke ni ne ploru, sed agu, kaj tiam nia agado prosperos, kaj ni rajtas diri, ke la heredaĵon de niaj antaŭuloj ni gardas eĉ pligrandigas.

Budapeŝto, la 15-an de majo 2009
(István Gulyás)
vicprezidanto de IFEF

**Haveno en Duisburg :
sukcesplena afero**

La iama *Krupp*-areo en *Duisburg-Rheinhausen* aliiĝis en dek jaroj el neuzita loko al floranta logistika loko. Tiu logistika loko estas en nia kazo, loko por transkargi kontenerojn al fervojo, aŭtomobiloj aŭ ŝipoj.

La estonteco – kelkfoje jam pasinteco - preterpasis rapide al realo. Tiun tempo-salton sukcese faris „*Logport*“. Oni supozis ke, nur en la jaro 2015, la iama *Krupp*-areo estos plene mastrumita sub sia sinteza nomo "*Logport"*. Sed, jam fine de 2008 ĉiuj partoj de la areo estis ludonataj dum la deka jubileo de la komencdato. Je la komenco de tiu sukcesplena afero, oni ne vidis kaŭzon por festi. Post la finfina adiaŭo de ferofarejo *Krupp, en 199*3, la vundoj ankoraŭ ne kuraciĝis. Longe restis la 265 hektaraj granda areo kiel hontinda, grandega memoriga monumento ĉe la bordo de la Rejno.

La progreso al sukcesriĉa logistika modelo estas notita kun nomo: "*Erich Staake ".* Kiam la fondadmembro, afergvidanto de la privata sendstacio *RTL,* transprenis la gvidadon de la Haveno *AG,* kelkaj alt-rangaj loĝantoj el Duisburg alrigardis lin kun malkonfido. Ili timis, ke la televidmanaĝero transformu la havenon al *Hollywood.* Sed nenio en tiu direkto okazis. Per urba-, federacilanda-, federacia- kaj *EU*-helpo *Staake* koncentris sin en Duisburg por konstrui logistikan centron. *Staake :* "Oni devas krei objekton kaj poste plenigi ĝin per vivo".

La vivo venis tute aŭtomate. Apenaŭ *Logport* havis sian nomon, frapis kontraŭ la pordo la japana ŝipveturiga entrepreno kaj transporto-giganto *NYK. Staake* tuj sciis, ke ĝi trovos magneton, per kiu li povos altiri aliajn famajn nomojn. Ĝia rigardo super la haloj grand-dimensiaj efektivigis la esperojn : *Rhenus, DHL, Kühne & Nagel, Schenker* aŭ *Wincanton* el Anglio – en la listo de la luantoj. Per aliaj vortoj : *Duis-burg* estas la plej rapide kreskanta logistika loko en Eŭropo. Ĝia distan-co kiel plej granda enlanda riverhaveno en la mondo estas preskaŭ ne malgrandigebla.

Sed kiel simpla provisejo *Logport* havas nur limigitan ekzistorajton. „Nur per valoraltigo la haveno havas eblecon de plua vivado.“ Kiel aspektas tiu valoraltigo?: Ezemple, la Bremena entrepreno *Harms* transportas per la plej granda aŭtotranskargejo en la Rejn-Rur-Regiono ne nur aŭtomobilojn de "A" al "B", ĝi ankaŭ preparas luveturilojn por pluvendo kaj per multekosta proceduro estas ekzamenataj la motoroj kaj renovigataj lakdomaĝoj de la aŭtomobiloj.

"Kiam ĉiuj lokoj estas okupitaj, tiam en *Logport* laboras 4000 homoj" diris *Staake.* Ŝtalfarejo bezonas laŭ hodiaŭa skalo nur la duonon de tiuj dungitoj.

Bele legebla esta la sukcesplena historio de *Logport*: En la kadro de tiuj kondiĉoj oni ne povis misfari ion. *Duisburg* situas en la mezo de la kontinento, la marhavenoj en Belgio kaj Nederlando preskaŭ estas najbaroj. Apud tio ankoraŭ kreskas la ekonomio de kontenero-transportoj jare ĝis dek procentoj (2008). Sed *Staake* ankaŭ obĵetis, ke areoj kaj geografiaj situoj ankoraŭ ne suficas. "Ni devas evolui kaj viziti klientojn, precipe eksterlandajn kaj entuziasmigi ilin por tiu loko."




La pliatiĝo de logistika trafiko kun sia bruo devus por loĝantoj en *Duisburg-Rheinhausen* soni kiel minaco, ĉar la necesaj stratoj, gvidantaj ĉirkaŭ *Rheinhausen,* ankoraŭ ne estas tute pretaj.

Ankaŭ se la "Havena Akcia Societo" invitas al festo : la festo estas nur mallonga ripozo en la penado antaŭen peli la kreskon. Jam oni forte laboras por *Logport* II en *Duisburg-Wanheim*, kiel la sinsekvo de la sukceshistorio de *Logport I*. Kaj eĉ tie, jam povus esti starigita tabulo : "Elĉerpita".

Apud tiuj du *Logport*-oj en *Duisburg-Rheinhausen* kaj *Duisburg-Wanheim,* oni planas entute pli grandan *Logport*-on, laŭlonge de la *Rhein-Herne-Kanal,* nome la „*Logport-on Ruhr*“. Ankaŭ tie troviĝas bonaj kondiĉoj pro siaj multaj akvokonektoj kaj branĉtrakoj al lokoj de iamaj minejoj kaj fabrikoj. La unuaj du estas realecoj, la lasta imagaĵo.

Trovita en ĵurnalo "*Westdeutsche Zeitung" de la 05.09.2008.*
Tradukita de Rolf Terjung

# Rondirado de Taeko Osiaka tra la vendea regiono en Francio

Invitite de la esperanta grupo en Vendeo, Taeko Osiaka (edzino de la prezidanto de la Japana Esperantista Ligo Fervojista) trapasis preskaŭ unu monaton en Francio.

Dum tiu turisma vojaĝo, Taeko vizitis multajn vidindaĵojn kaj konatulojn. Ŝi estis akceptitaj de nombraj geamikoj kiuj havis loĝlokojn en okcidenta parto de Francio. Inter aliaj ŝi vizitis La Roche sur Yon, Nantes, Beaulieu...

Mi konatiĝis kun ŝi okaze de la vizito de la insulo Noirmoutier (Nigraj Monaĥoj), tridek geamikoj kuniĝis. La programo estis riĉa kaj abunda. Matene de la 16-a de majo la grupo vizitis la subcielan muzeon de Daviaud situantan meze de la marĉo. Per piedirada promenado la partoprenantoj malkovris la vivon de niaj antaŭuloj de tiu regiono. Estis videblaj : diversaj antikvaj konstruaĵoj uzitaj kiel homaj vivlokoj, laborlokoj, bestaj ŝirmejoj.



Sekvis la pikniko (mi ĵus alvenis en tiu momento). Ĉiuj sidis tere kaj dorso apogita al muro por protekti sin kontraŭ la vento kaj elprenis de sia sako antaŭa preparita manĝaĵo. Taeko sin nutris laŭ la japana maniero (per bastonetoj). Rilate la japanajn kutimojn, Taeko aldonis, ke en Japanio neniam oni kisas unu la alian. Oni salutas la geamikojn laŭ rita maniero (brakoj laŭlongede la korpo kaj brusto kliniĝanta al la salutontoj).

Poste, ni aŭtveturis al la insulo Noirmoutier atingebla per ponto (aŭ kiam la tajdo estas malalta per aŭtŝoŝeo). Per surŝoŝea urba trajneto ni atingis diversajn vizitindaĵojn. Dum unu horo, sperta gvidistino (samtempe ŝoforo de la trajneto) interese kaj humore klarigis la kutimojn de la loĝantojn, la historion de la insulo kaj montris la diversajn vidindaĵojn. Reirante al la kontinento, favore al malaltiĝanta tajdo, ni aŭtveturis per la mara ŝoseo. Sekvis la vizito de la ventmuelejo "Raire". Gvidanto (eksa muelisto) informis nin pri la teknika meĥanismo kaj farmaniero de la faruno.

Mi dankegas la grupon "Esperanto-Vendeo", kiu fratece akceptis nin en agrabla etoso.

*La redaktoro*

# Vivsignoj de nia amikino (interalie Honora Membro de IFEF) Elfriede Kruse.

**Siegfried Krüger** *Claudiusweg el Heilbronn vizitis Elfriede Kruse* kaj proponis informi la legantojn de I.F. pri ŝia nuna vivo. Kun dankoj, jen lia raporto.

Dum multaj jaroj, mi nur havis telefonan kontakton kun ŝi. Nun, okaze de la 95-jariĝo, mi decidis viziti ŝin. Tio okazis la 24an de aprilo 2009.

Elfriede Kruse 95-jariĝis la 13-an de marto 2009 kaj ankoraŭ admirinde bonfartas, speciale se temas pri spirita vigleco kaj memorkapableco. Handikapa estas la aŭdkapableco. Marŝado nur bone funkcias pere de rulapogilo. Ekde 10 jaroj ŝi loĝas en domo kun prizorgata servo kies adreso estas : Elfriede Kruse, Europaplatz 2/135, 90491 Nürnberg



Mi aldonas la adreson, ĉar ŝi ankoraŭ havas viglan korespondadon mondvaste kaj certe ĝojos pri vivsignoj de iamaj gesamideanoj. Elfriede deĵoris 35 jarojn ĉe DB (germana ŝtata fervojo) kaj emeritiĝis en 1977. Kun Joachim Gießner ŝi kune laboris 28 jarojn. Mi estis kunportinta la IFEF-historion kaj kun granda intereso ŝi trafoliumis ĝin kaj ĝuis per la fotoj revidi iamajn samideanojn. Ankaŭ ŝiajn fotoalbumojn ni rigardis.

Apud la fervojista movado firman lokon en ŝia vivo havas Bona Espero en Brazilo. Trifoje ŝi vivis tie po 3 monatojn, kaj el Germanio ŝi organizis kaj ekspedis multegajn pakaĵojn por helpi la georfojn en Bona Espero. Elfriede estas tute kontenta homo, kiu akceptas la malfacilaĵojn, kiujn alportas la maljuneco. La televidilo preskaŭ senvaloriĝis pro la malbona aŭdkapableco. Sed ŝi ja povas ankoraŭ legi, korespondadi, babili, enigmi ktp. Ĉiujn iamajn gesamideanojn ŝi kore salutas.

*Siegfried Krüger, DE*

# LA ĴALUZO

En fervojista instituto estabiliĝis virina fakultato. La studentinoj estis sveltaj belulinoj, sed *Lena* altiris rigardojn de vira studentaro, eĉ de junaj prelegantoj. La studentoj *Ivo* kaj *Gogo*, bonaj amikoj, ambaŭ amantiĝis al *Lena*, silente, ĉar neniu de ili havis kuraĝon malkovri sian amon. Tial kaŝe aperis enviemo, ĵaluzemo, eĉ antagonismo.

Pasis jaroj. Post diplomiĝo ĉiuj estis postenigitaj laŭ akirita specialiĝo, diversloke. *Lena* estis enoficigita en centra administracio kiel sekretariino, *Ivo* estiĝis trajnestro, *Gogo* fervoja kajoĉefo.

Sed la vivo ofte faras ŝercon kun homa sorto. *Ivo* kiel trajnestro devis halti en la stacio, kie deĵoris *Gogo* – lia iama amrivalo. La trajno haltis. Ĝis tiam ĉio estis bonorda laŭ fervojreguloj. Post oficialaj formalaĵoj la kajoĉefo per speciala bastoneto signalis ekveturordonon, sed *Ivo* ekvidis, ke la uniforma jako de la kajoĉefo ne estas butonita unu-punkte. Tio rompas fervojreglamenton, pro kio la trajnestro ne ekveturis.

Pasaĝeroj interesiĝis pri la kaŭzo de la neforvetuo de la eksprestrajno. Kompreneble komenciĝis duflanka persvado – unu grupo petis la kajoĉefon, komplete butonigi sian jakon, sed li rifuzis. Alia grupo petis la trajnestron, ŝajne ne vidi la butonon. Disputo daŭris du horojn.

Finfine la trajnestro fermis siajn okulojn, kaj la trajno ekiris. Laŭ-regule du fervojistoj egalpravis, sed pasaĝeroj suferis. Tiu skandaleto atingis centran fervojistan gvidantaron. La kulpuloj estis venigitaj ĉe komisiono, kiu devis decidi iliajn punojn. Laŭ stranga ludo de sorto, en punanta komisiono enestis *Lena* – sekretariino – vera kaŭzinto pro miskompreno.

La decidita puno estis "MALLAŬDO".

Neniu, eĉ ne *Lena*, komprenis ke tio estis sekvo de amkonkurado. Sam-tempe tiu okazo konfirmis ankoraŭfoje, ke amo ne havas tempolimon, ke amĵaluzo povas malurĝi eĉ eksprestrajnon, ke amo estas sankta sento kaj validas dumvive.

*Ivan Tr. Minĉev*
*Bulgario*

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*61-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Murillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "






**Ekde nun rezervu la datojn por ĉeesti la venontan IFEF-kongreson okazontan en Sofio (Bulgario) de la 08-a ĝis la 15-a de majo 2010. Sekvos postkongreso.**

***Petu informojn kaj aliĝilojn ĉe viaj landaj asocioj.***



## Ekspozicio pri E-fervojista movado

### *Alvoko*

Esperanto-muzeo en Svitavy aranĝas aŭtune 2009, omaĝe al la 100-jara datreveno, ekspozicion pri E-fervojista movado.

Estimataj legantoj de IF estas petataj sendi pruntedone aŭ donace interesajn materialojn rilatajn al tiu datreveno – historiajn dokumentojn (kopiojn), fotografaĵojn, memorobjektojn, librojn ktp.

Samtempe estos prezentita ekspozicio pri E–infanliteraturo, do ankaŭ tiu materialo estas petata. Kaze de donaco, bonvolu plej frue sendi liston de donacataj objektoj. Materialojn sendu je adreso :

**Esperanto-muzeo Svitavy,**
**Nám. míru 1, Svitavy ,**
**CZ-56802, Ĉeĥa Respubliko.**

*Ladislav Kovář*